# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

### RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KAJ NOVZELANDO

http://beta.visl.sdu.dk/lingvohelpilo/

auto **6/04/2013 Cent-sesa Eldono 06/04/2013** SENDITA (unua eldono 26/09/2011)

**Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rspring@tpg.com.au;**

**Redaktisto Roger Springer** **Provlegita de Nicole Else**

La informa kaj noma paĝoj aperos nur en la dekaj eldonoj

**Brunaj literoj signifas reuzatan sed gravan informon** **ABC malnova**

Nigraj literoj signifas novan aŭ ĝisdatigatan informon **ABC nova**

## Skribu, informu 230 retadresaranojn de AE pri viaj novaĵoj

Vi apartenas al la Esperanta Familio de Aŭstralio. Komuniku

## GRAVAJ DATOJ vidu Tamen Plu redaktas Katarina Taggart

Se vi ne ricevas Tamen Plu aŭ 'Aŭstraliaj Esperantistoj', aŭ ricevas dufoje, informu AE.

## ALKLAKU la hiperligilojn markitajn tiel

### AŭSKULTU ESPERANTAN RETRADION TAGE

Informaj rakontetoj, Bona lingvo, http://members.aon.at/aldone/peranto/index.html




Difini vivantecon de lingvo Ni estu pli modestaj en niaj postuloj rilate al oficialigo de Esperanto kaj ni zorgu pli por ke la lingvo kresku laŭkvante kaj laŭkvalite. Ni verku tekstojn kaj parolu. La interreto ebligas al ni prezenti niajn lingvajn ellaboraĵojn al tutmonda komunumo. Tiel nia lingvo iam povos atingi tian staton de evoluo kiu permesos fari pli grandajn paŝojn por ĝi.. (Malgranda eltiro el la bona reta programo)

# Esperantaj-RetRadioj. http://esperanto-radio.com/



Inter ili estas la Pola RetRadio, Radio Vatikano, 3ZZZ, Varsovia Vento, Radio Havano Kubo kaj la Kaliningrada E-radio.
Ankaŭ radio Muzaiko

# KLUBNOVAĴO





## Informas la aktivaj kluboj kaj grupoj

La kluboj respondecas pri la ĝisdatigo de la anoncoj **Allogu vizitantojn**

## La kluba listo kreskas





### Ĉu via klubo/grupo kunvenis? as? os?

Maldetala informo sufiĉas. Kiuj ĉeestis? (Ankaŭ NZ kluboj ) rspring@tpg.com.au
Ĉu ĉiu en via grupo ricevas la Novaĵleteron?



## 3ZZZ Radio Melburno http://esperanto-radio.com/3zzzradio

Esperanto-programo estas dissendita de Melburno ĉiun lundon de la 1a ĝis la 2a posttagmeze je 92.3 FM, kiel ero de la multkultura radio 3ZZZ. Por la nemelburnanoj ĝi audeblas per la reto je www.3ZZZ.com.aŭ dum la sekva semajno aŭ iam ajn en la arkivejo www.melburno.org.au dank'al la ligoj de reta radio.

Por ekzisti ĝi bezonas almenaŭ 40 membrojn kaj bezonas arigi ĉiun oktobron $1000. Se vi pensas ke radio estas subteninda ilo por esperantistoj, nepre membriĝu irante al la retejo www.3ZZZ.com.au. La komitato de la Esperanto-radio en 3ZZZ antaŭdankas vin.



## Central Coast Esperanto Club

kunvenas la duan dimanĉon de ĉiu monato 2ptm
Bamboo Buddha Café 221 Wattle Tree Road, Holgate NSW 2250



## La Brisbana Esperanto-Societo

kunvenas la kvaran sabaton de la monato je 1ptm
ĉe la Brisbane Square Library.
Kay Anderson 07 3372 7006



## La Brisbana Esperanto-Kafklubo

kunvenas la kvaran sabaton de la monato je 3ptm
ĉe la Coffee Club en Brisbane Square.
Por pli da informoj vizitu http://www.meetup.com/Brisbane-Esperanto-Society/



## La Tasmania Esperanta Societo

kunvenas, ĉiun jaŭdon je la Metz trinkejo, Sandy Bay.
Je la 7-a ĝis 8:30 ĉe Metz kaj poste ni kutime kune vespermanĝas...
Roberto Budzul



## La Melburna Esperanto-Klubo

kunvenas ĉiujn lundojn, 6.30ptm ĝis 8.30ptm
ĉe Ross House, 247 Flinders Lane. (4a marto estis jara kunveno)



## Esperanto Kafo Klubo de Kanbero

kunvenas ĉiujn vendredojn je la 5a ptm en Cafe Fontaine kiu troviĝas en la plej supra nivelo de la Canberra Centre.



## La Manlia Esperanto-Klubo.

kunvenas la unuan kaj trian Sabaton. 10atm
Bavarian Beer Cafe, Manly Wharf; Unu taso da senpaga kafo
La 6an de Aprilo 5 personoj partoprenis. Roger, Eŭnice, John, Chris, Roger.



## Esperanto-Domo Sidnejo

Grupo kunvenos Dimanĉon la 27an de Aprilo 12tm
Aferkunveno antaŭe je 11atm. Poste amuzkunveno kun manĝetoj.



## Torkio Esperanto Kafo Klubo - Viktorio

kunvenas la lastan dimanĉon de ĉiu monato 12tm
ĉe "La Kafo Klubo" Torquay Centra, (Orienta Fino). 41 Bristol Road,
Antaŭ ol veni: Telefonu 03 5261 2899 aŭ Mbl 0421043272
torquayesperantocoffeeclub@gmail.com

## Esperanto en Sudaŭstralio (**La Adelajda Esperanto-klubo.)**

kunvenas la unuan merkredon de ĉiu monato
en La Box Factory, Regent Street South.
Kontakto: Bob Felby (08) 8242 1460.



## Adelajda Esperejo

81/9 East Tce, ADELAIDE 5000, <mwearing@internode.on.net> tel (08) 8359-3373, estas hejmo de Max kaj Beth Wearing. Tie okazas kunveno ĉiu-sabate (kaj plej ofte ankaŭ vendrede) 10.30 - 12.00h.

## Esperanto League of Western Australia Inc.)

Anoj de nia ligo kunvenas monate la unuan sabaton por komitat-aferoj kaj la trian sabaton por konversacia lingvo-studado.

Ni tre bonvenigas vizitantojn. esperantowa@hotmail.com **Tel: (08) 9343 9532.**

## Ĉu estas aliaj? eble

ORMARBORDA ESPERANTO-GRUPO
NOVKASTELA ESPERANTO-SOCIETO
SUDORIENTA ESPERANTO-KLUBO
MELBURNA ESPERANTO KAFO KLUBO
GRUPO DE MELBURNAJ ESPERANTO-LERNANTOJ
MELBURNA ESPERANTA RENKONTO-GRUPO
TOOWOOMBA ESPERANTO-SOCIETO

## Esperanto in Australia Meetup group.

Mi ŝatus prezenti novan nomon por nia grupo kaj inviti ĉiujn Esperantajn klubojn de Aŭstralio esti parto de 'Esperanto in Australia Meetup grupo.'
Bonvolu, anonci viajn meetups ĉi tie: http://www.meetup.com/Esperanto-in-Sydney/
Dmitry

# AEA Informas

## Aŭstralia Esperanto Asocio

ACN 121 495 789 C/- G.P.O. Box 2122, Melbourne 3001

Ĉu $241,600 aŭ pli? uzis AEA dum 7 jaroj 2005-2012 Ĉu oni deziras forgesi?
Ĉu la kontoj de tiu periodo estas sufiĉe detalaj por respondi al la demandoj?
Ĉu respondeco malaperas kun demisio?

# Sydney Language Festival 2013



Macquarie University, Macquarie Park, konstruaĵo W6A,

Sabaton, la 1an de Junio 2013 je 11atm

http://esperantowebdesign.com/sydneylanguagefestival/

Pri Esperanto ĝenerale: http://www.worldlanguage.info/

**ZAPI**

Rapide ŝanĝadi la programojn, sen daŭre spekti iun el ili (se paroli pri televidanto):
Ŝaltinte la televidilon mi komence zapas kaj nur poste elektas deziratan programon.
Ĉesu zapi, ĉar mi ne povas normale spekti la televidon!

Bankoj de Aŭstralio nur tenas $75 el $10,000 de deponita mono de siaj deponantaj klientoj. La restaĵon ili uzas. Pensu pri Cipro kaj la imposto/ŝtelo de 10%-60% de bankdeponita mono.

Mi ŝatus montri kapfoton kun via letero. Se vi ne ŝatas la foton, kiun mi uzas, aŭ mi ne havas vian foton, mi petas vin sendi pli taŭgan kapfoton al mi.
Ni estas Esperanta familio kaj fotoj helpas la legantojn ekkoni vin.

# LETEROJ de la legantoj

Taŭga desegno aŭ foto, ne necesa, sed bonvena







## Vintra Lernejo en Junio

Mi ŝatus aranĝi alian vintran lernejon en Junio ĉi tiun jaron, dum la Reĝina Naskiĝtaga Longa Semajnfino kaj ŝatus scii kiom da homoj deziras ĉeesti. Ni havus diversajn lecionojn en la matenoj kaj prezentojn en la posttagmezoj. Ankaŭ matena teo kaj kafo kaj tagmanĝo estos havebla.
Ĝi okazos en mia lernejo kaj estos malgranda kosto por kovri la teon, kafon ktp kaj ceteraĵojn bezonatajn. Ne uzita mono estos donacita al la lerneja studenta konsilantaro.
Gordon Coleman, Adelaide, Tottenham Boy in Exile.

## Vizitanto el Barato

Kara Roger,

Mi plusendas la informon sube. Mi esperas, ke la Esperantistoj bonvenigos prof.

Adi de Barato en Sidnejon....
Eble vi povus kontakti la sidnejan grupon per la novaĵletero, ĉu?
Dankon.. Ĝono. ( pere de Pasporto Servo )
----- Original Message -----
**From:** M Adinarayana
**To:** esperantojohn@bigpond.com
**Sent:** Saturday, March 30, 2013 12:37 AM
**Subject:** prof adi de la barato lando.
------------ ----------------

Kara samideano, Mi estas instruisto de Belarto, ŝatas viziti vian landon, mia retpaĝaro. www.scholargypsy.com. mi laboras en la universitato, loĝas en la urbo kiu nomiĝas Visakhapatnam en Barato , Hindua Lando
Mi planadas por via lando en la venonta somero aŭ en marto. mi povos montri miajn bildojn ĉe la Esperanto Domo. kaj mi eble pentras por la samideanoj. Prof Adi

# Ĉu Asocio aŭ Limigita Kompanio?



Kiam antaŭ jaroj estis diskuto pri ŝanĝo de AEA mi ne havis fortan opinion por unu aŭ por la alia. Sed post miaj enketoj al leĝisto en Kanbero mi konstatis ke leĝe ne necesis ŝanĝi AEA-on do mi pensis, 'Kial ŝanĝu? Ĝi restu asocio. '
Tiam mi estis ano de la Esperanto Federacio de NSK kaj iom sciis pri ĝia funkcio pro mia laboro en la oficejo en Sidnejo. La Federacio estas senprofita limigita kompanio kaj verŝajne bone funkcias kun estraranoj nomigitaj same kiel en la tiutempa AEA. (Flanke – Mi tre malŝatis la ŝanĝojn en tiuj titoloj en AEA al Financa Direktoro ks).

Problemo kiun mi rimarkis estas kiel kompanio oni respondecas informi ASIC pri ŝanĝoj kaj tio estas foje ĝenema . Verŝajne ASIC (Aŭstralia Sekureca kaj Esplora Komisiono) traktas ĉiun kompanion same. Do malgranda senprofita organizo devas informi ASIC aŭ tiu monpunas la organizon same kiel ĝi monpunas multnacian kompanion.
Pri la monrespondeco de membroj rilate al kompanio, mi ne havas multan scion. Do eble estranoj de EFNSK povas klarigi tion por mi.
Mi deziras scii kiom da mono AEA elspezis por memŝanĝi al kompanio? Pri konsilistoj, proceso ktp. Kaj kiom da mono necesus por reŝanĝi ĝin renversen?

Ĉi tiu temo en la letero de Marcel ne estas ege grava por mi. Ege gravas por

mi kiel eviti estontece la aferojn kiuj AEA kaj iuj membroj suferis dum periodo antaŭ kelkaj jaroj. Mi esperas ke la nuntempa estraro egale aŭskultas al ĉiu membro sen konsidero al ties politiko, vidpunkto, religio ktp. Kaj mi ankaŭ esperas ke membroj povas fidi ke rekomendoj, plendoj ks direktataj al la estraro ricevos plenan konsideron kaj satigan respondon.
Mi ege bedaŭras la mistraktadon kiun kelkaj membroj de AEA ricevis, ate de la estraro, antaŭ kelkaj jaroj. Kaj mi esperas ke AEA almenaŭ povas esprimi tion.
Sen agnosko al la misagado de la pasinteco ni riskas ripeton de la sama.
Eksmembro Terry Manley

Karaj ĉiuj!
Ĉar mi estis malsana dum la plejparto de la pasinta monato, mi ege bedaŭras, ke mi ne povis fari eldonon de Tamen Plu por la monato aprilo. Mi esperas, ke vi bonkoraj homoj volonte pardonos min. Mi nun resaniĝas, do, mi certe povos aperigi TP denove post unu monato.

TAMEN PLU

Tre amike,
Katarina

Karaj,
Libroj de Donald Broadribb estas en Esperanto Domo nun. Mi prenis ilin hodiaŭ. 5/4/13
Amike, Dmitrij

The key to bilingualism



The key to language

ESPERANTO

Complete Text Book P1

Margaret Chaldecott retajpis la gramatikon kaj Roger ĝisdatigis la ceteron. La libreto estas okono de A4 papero kaj enhavas 32 paĝojn ( 2x A4 paperaj folioj). Pro la malgrandeco, ne estos vortaro.
La celo estas propagandilo kaj ke studentoj de lingvoj povu kompari la grandecon de tiu baza Esperanto libreto kun aliaj lernolibroj.
Eble mi sendos la libreton kun AE107. Roger




An ideal world would adopt the **same foreign language** for **everyone** to learn and speak with equality

**English** discriminates!
**Esperanto** does not!

Similar to the metric system it is logically designed and useable.



P32